XIIa jaro. No 189 (5) ☆ Monata ☆ 5 majo 1916

# ESPERANTO

**Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**

| JARA ABONO | REKLAMO |
| --- | --- |
| **Ordinara eldono** . . . . . . . 5. — Frankoj (2. — Sm.) | **Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.) |
| **Luksa eldono** . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.) | **Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . **0.40 Fr.** (0.16 Sm.) |
| *Svisa poŝtĉeka konto I. 824.— Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.* | **Korespondado** (1 enskribo) . . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.) |
| *La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato* | *Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %* |

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## LA PACPROBLEMO

# NOVAJ VOJOJ

XI

Resumo de la antaŭaj artikoloj: La pacproblemo ne estas morala aŭ ekonomia, sed politika kaj jura. — La pacifistaj proponoj. La arbitracio kiel ĝi estas ĝis nun proponita ne estas sufiĉa, ĉar mankas al ĝi la bazo de internacia pozitiva juro kaj la necesaj trudrimedoj. — La principo de la popolrajto je memekzisto devas esti la jura bazo de la estonta ordo. Ĝia apliko postulas interŝtatan organizon. Profitoj kaj malprofitoj de la almilitoj. La almilitado estas grava faktoro de la internacia anarkio. Oni do devas ĝin forigi, ĉar ĝi kontraŭstaras la progresadon de ĉiuj nacioj, kiuj kune estos pli prosperaj ĉe internacia ordo, ol sub la nuna reĝimo. — La limigo de la armadoj. La armadoj estas neevitebla necesaĵo pro la neorganizita stato de la nacioj. Malfacileco trovi akcepteblan limigformulon. Limigo de la armadoj estos nur konsekvenco de interŝtata organizo. — Reformo de la diplomatio. La procedoj de la diplomatio estas kondiĉataj de la internacia ŝtatsistemo. Nur la starigo de ŝtatligo havus la nepran efikon transformi la diplomation, ĉar la funkcio mem de la diplomataro ŝanĝus kune kun la internacia reĝimo. — La komerca politiko dependas de la politika reĝimo. La protekcionismo estas la natura produkto de la interŝtata anarkio kaj povos malaperi nur kun ĝi. — La rolo de la gazetaro.

*Ŝtatligo (federacio)*

En la antaŭaj artikoloj ni ekzamenis la diversajn punktojn de la pacifista programo kaj karakterizis ilian gravecon rilate al la granda problemo de internacia ordo. Ni konstatis, ke la plivastigo de la arbitracia procedo dependas de la antaŭa realigo de du necesegaj kondiĉoj: la alpreno de internacia juro fiksanta la rajtojn de la popoloj kaj la starigo de trudrimedoj (internacia polico). Inter la aliaj proponoj de la pacifistaj organizaĵoj, unu sola entenas fundamentan jurprincipon: la rajto de la popoloj je memregado. Pri la aliaj proponoj: limigo de la armadoj, demokrata kontrolo de la eksterlanda politiko, malpermeso de ĉia ataka aŭ defenda ligo, libera komerco, k. t. p., ni konstatis, ke ilia realigo ĝuste dependas de la antaŭa solvo de la demando pri interŝtata ordo, kaj neniel estas ĝia kondiĉo. La senhalta armadkonkurado, la sekretaj procedoj de la diplomatio, la ligoj, la protekcionismo, estas naturaj *konsekvencoj* de la internacia anarkio, t. e. de la sistemo, en kiu la ŝtatoj estas absolute sendependaj. Tiu anarkio malaperos nur kiam la ŝtatoj, forcedante parton de sia suvereneco al la asocio, federiĝos sur la fundamento de certaj jurprincipoj akceptataj de la publika opinio.

La nepran necesecon de la federacio ne ankoraŭ sentas la pacifismo, kiu ankoraŭ kredas, ke paca ordo estas ebla en la nuna ŝtatsistemo, kondiĉe, ke estu enkondukataj kelkaj reformoj en la politikon de la ŝtatoj. Laŭ la pacifistoj, la rilatoj inter la ŝtatoj devus esti submetataj je la samaj moralaj devigoj, kiuj regas la rilatojn inter la individuoj. Ili instigas la registarojn alpreni lojalan, malegoistan politikon, respekteman je la rajtoj de la aliaj. Krom tio ili ja elmetas ankaŭ kelkajn jurajn proponojn, sed flankelasante la fundamentan demandon pri la garantio de la internacia juro, ili fakte starigas la interŝtatan asocion sur pure *moralan* fundamenton. Ĉio, kion ni scias pri la homa naturo, lasas nin

dubi pri la vivebleco de socio, kies internaj rilatoj dependus de la bonvolo de la kontraktintoj. En tiu rilato la ĝisnuna pacifismo estas utopia. Ĉiu konscia pri la realeco sentas, ke la individuoj aŭ la nacioj ne povas pace kunekzisti laŭ juro, kiu, pro la relativeco de niaj konoj, ne povas havi sciencan fundamenton, se mankas sankcia forto. Sed tute ne utopie estas kredi, ke certa organizaĵo bazanta sur komunaj kredoj kaj komunaj interesoj povas esti anstataŭata de alia organizaĵo bazanta sur aliaj kredoj kaj aliaj interesoj. Ni scias, ke la formoj de la kunlaborado inter la homoj senĉese evoluciis eĉ rapide, dum ilia individua moraleco nur tre malrapide disvolviĝis. La starigo de ŝtatligo aperas kiel gravega progreso en la organizo de la homaj grupiĝoj, sed ĝi ne havas kiel kondiĉon pliboniĝon de la homa moraleco. La problemo estas pli politika ol morala. La konduto de la registaroj, eĉ kiam ĝi ne estas konforma al la individua moralo, ne rezultas ĉiam de la malmoraleco de tia aŭ alia ŝtatisto, sed de la kondiĉoj de la internacia anarkia sistemo. Por forigi la anarkion, ne necesas, ke ni fariĝu pli bonaj, sed pli konsciaj pri niaj interesoj ni devas esti. La sola pozitiva solvo de la problemo pri internacia ordo konsistas do el la starigo de ŝtatligo (federacio). Ĝi ne estas la lasta celo atingota, sed la nepra kondiĉo de ĉia sistema plibonigo.

* * *

La federacio estas, en sia esenco, politika asocio inter ŝtatoj, kiuj grupiĝas por reciproke garantii sian sekurecon kaj prizorgi siajn komunajn interesojn. Aliĝante al federacia sistemo, ŝtato forcedas sian rajton de suvereneco pri certaj objektoj al la asocio, kiu interŝanĝe certigas al ĝi diversajn profitojn, kiujn nur ĝi povas doni. La fundamenta principo de la federacio estas jene formulebla: La ŝtatoj estas sendependaj tiom, kiom ilia sendependeco ne estas limigata de la federacia leĝaro. En la anarkia nuna sistemo, kontraŭe, la ŝtatoj estas senlime sendependaj.

La ekzisto de ĉia asocio supozigas intereskomunecon kaj identan celadon. Estas superflue substreki, kiom da komunaj interesoj havas la modernaj nacioj, en ĉiuj fakoj de la intelekta, ekonomia kaj socia vivado, ĉar ili apartenas al unu sama civilizacio. Sed ankaŭ je la politika vidpunkto ekzistas tiu intereskomuneco almenaŭ koncerne unu gravan necesaĵon: la sekureco, sen kiu neniu ŝtato povas plenumi sian taskon. Nu, tiun sekurecon pli bone garantias la federacio ol ĉiu ŝtato izole, eĉ se ĝi posedas la plej potencan armeon aŭ la plej timigan ŝiparon. Estas bonfaro de ĉia asocio, ke ĝi havigas al ĉiu el siaj anoj profitojn, kiujn neniu unuopa individuo povus ricevi, eĉ konsentante la plej grandajn oferojn.

Por konservi la sekurecon, la ŝtatoj de longe konkludis inter si ligtraktatojn bazantajn sur momente samtendencaj interesoj. Sed tiu sistemo ne forigas la malsekurecon. Ĝi nur transportas ĝin de ŝtato al ŝtatgrupo. Aliparte, ĉia defenda ligo estas interpretata kiel ataka ligo de la najbaraj nacioj, kiuj siaflanke kuniĝas por kontraŭstari la eventualan danĝeron. La partaj ligoj neniel garantias la pacon; kontraŭe, ili starigas inter la regnoj solidarecon, kiu ekstreme plivastigas la amplekson de la interŝtataj konfliktoj. Nur la federacio povas certigi al siaj anoj maksimuman sekurecon.

Kiel ĉia politika asocio, la federacio devas stariĝi sur la fundamento de komunaj jurprincipoj, kiuj precize fiksas la rajtojn de la ŝtatoj kaj de la popoloj, kaj iliajn jurajn devojn rilate al la organizo.

Ni rememorigu pri tiuj fundamentaj principoj jam ektuŝitaj ĉe la ekzameno de la pacifistaj proponoj:

Same kiel la federacio fondiĝas sur la *memvola* aliĝo de la ŝtatoj, tiel same la ŝtatoj devas esti konformaj al la volo de la popoloj. La federacio estas asocio de ŝtatoj; la ŝtato estu asocio de individuoj kaj grupoj, kiuj deziras vivi sub komunaj leĝoj. El tio rezultas, ke neniu registaro, neniu popolo rajtas aneksi, almiliti aŭ iamaniere alproprigi al si alian civilizitan popolon. La teritoriaj malkonsentoj inter la ŝtatoj estu solvataj per konsultado de la koncerna loĝantaro. La principo de la popolrajto je memregado havas kiel konsekvencon la egalan traktadon de ĉiuj gentoj interne de sama regno. Ili devas havi la garantion, ke ilia lingvo, ilia religio, iliaj moroj estas respektataj de la pli forta gento. Al la internacia aŭtoritato apartenos la tasko fiksi la procedojn, laŭ kiuj estos plenumataj la teritoriaj ŝanĝoj.

Ĉiuj honorindaj regnanoj de la federitaj ŝtatoj devas esti plene liberaj enloĝiĝi sur kiu ajn parto de la federacia teritorio, enkalkulante la koloniojn, tie laborgajni sian vivon, komercadi, akiri bienojn, kondiĉe, ke ili konformiĝu al la leĝoj de la loĝolando. Eventuale, la federacia leĝaro povos fiksi tempolimon, post kiu la regnanoj de la federitaj ŝtatoj, establiĝintaj alilande, rajtos uzi la politikajn rajtojn, ne estante devigataj rezigni sian gentan naciecon.

Fine, ĉia ligo aŭ politika traktato inter federitaj ŝtatoj devas esti malpermesata.

Sur la fundamento de la supre aluditaj principoj, la federacio garantias al la ŝtatoj ilian memregadon pri naciaj aferoj (politika reĝimo kaj leĝaro) kaj ilian eksteran sekurecon.

Sed la federacio ne sole celas internacian ordon, sed ankaŭ la progresadon de nia civilizacio. La ŝtatoj havas inter si, krom politikaj rilatoj, interesrilatojn, kiuj pro la interdependeco de la nacioj estas pli kaj pli diversaj. La prizorgo de tiuj interesoj komunaj je ĉiuj civilizitaj ŝtatoj necesigas la ellaboron de komunaj reguloj. Jam nuntempe la internacia leĝaro, en formo de konvencioj, estas atentinda. Inter la plej gravaj el tiuj interŝtataj traktatoj, ni citu tiujn pri la Universala Poŝta Unio, pri la Universala Telegrafa Unio, pri la Unio de la fervojaj transportoj, pri la Unio por la protektado de la industria posedrajto; pri la Unio por la protektado de la literatura kaj arta posedrajto, pri la Unio por la publikigo de la dogantarifoj, kaj ĝenerale ĉiujn interkonsentojn pri demandoj de internacia intereso. La ekzisto de ŝtatligo certe faciligos la plivastigon de tiu internacia leĝaro. Speciale pri socia politiko, gravaj reformoj povas esti efikaj, nur se ili estas samtempe realigataj per komuna interkonsento de ĉiuj civilizitaj regnoj. Sub la federacia reĝimo, la internaciaj konvencioj estos federalaj leĝoj, al kiuj estos submetataj ĉiuj federitaj ŝtatoj, kaj ne nur, kiel ĝis nun, sole la kontraktintaj ŝtatoj. Tio cetere ne malhelpos, ke por nepolitikaj temoj la ĝisnuna kontraktsistemo inter apartaj regnoj ankaŭ povos esti daŭrigata.

* * *

Pri la organizo de federacio, ekzistas sufiĉe multaj projektoj, kiujn ni ne intencas analizi ĉi tie. Memkompreneble estas relative facile ellabori grandiozajn teoriajn konstruojn kaj racie reorganizi la socion. Verdire, la plej malfacila tasko ne estas trovi novajn organizformojn, sed ŝanĝi la politikajn kredojn laŭ senco favora al la federacia ideo. Kiam la aktiva parto de la homaro sincere *volos* ŝtatligon, certe mankos nek la ŝtatistoj, nek la juristoj por plenumi la teknikan laboron, nome formuli la jurajn regulojn kaj fiksi la organizon de la novaj institucioj.

Kelkaj el tiuj projektoj, malmulte zorgante pri la realigebleco, pretendas detale fiksi la organizon de federacio apartenanta al ankoraŭ tre malproksima grado de evolucio. Ili tiel aspektas utopiaj. Aliparte se oni nur elmetas la ideon pri ŝtatligo, la skeptikuloj kontraŭdiras, ke vane estas diskuti ĝeneralan proponon, ĉe kiu mankas praktikaj detaloj.

Ni ĉi tie indikos nur la grandajn liniojn de federacia organizo, sed ni komprenebie neniel pretendas ligi la ideon mem je la speciala formo proponata. Oni povas ankaŭ alimaniere prezenti al si la internan aranĝon de ŝtatligo, sen danĝero por la koncepto. La solaj necesaj kondiĉoj ligataj je la federacia principo estas: la starigo de pozitiva juro internacia, kaj la kreo de la organoj por leĝofarado kaj leĝoplenumado necesaj al ĉia politika organismo. Tuj kiam tiuj kondiĉoj estos realigitaj, la federacio ekzistos *fakte*, eĉ se komence la vorto mem aperas sur nenia oficiala akto — kio estas tre verŝajna.

La unua demando rilatas al la amplekso de la federacio. La plimultaj aŭtoroj sin limigas je la propono de ligo inter la Eŭropaj ŝtatoj. Poste, laŭ ili, aliĝos la aliaj ekstereŭropaj civilizitaj nacioj.

Ni unue rimarku, ke de la Eŭropaj regnoj dependas preskaŭ tuta Afriko kaj Oceanio, granda parto de Azio kaj eĉ gravaj teritorioj en Ameriko. Eŭropa federacio fakte ampleksus la kvin mondpartojn kaj enhavus la du trionojn de la planeda loĝantaro. Restus ekstere sole la Aziaj landoj restintaj sendependaj kaj la Amerikaj nacioj. Tiu escepto ne estas pravigebla. Inter Ameriko kaj Eŭropo ekzistas nenia fundamenta intereskontraŭeco, nek rasa kontraŭeco, tial, ke la plimultaj Amerikanoj estas Eŭropanidoj. Nenia malamo apartigas la Amerikajn naciojn de la Eŭropaj, dum kontraŭe, pro senĉesaj militoj inter la Eŭropaj popoloj staras profundaj dividoj. Malgraŭ la klopodoj por starigi Tutamerikan Ligon, la diversaj Amerikaj regnoj havas ankoraŭ pli da rilatoj kun Eŭropo, ol inter si. Rilate al la du grandaj Aziaj ŝtatoj restintaj fakte sendependaj, unu el ili, Japanujo, estas jam konsiderata kiel apartenanta al la „koncerto" de la civilizitaj regnoj; la alia, Ĥinujo, iom post iom sekvos. Ekzistas en la realeco nenia serioza kaŭzo por limigi la federacion al la Eŭropaj landoj. Eŭropo estas geografia esprimo, kaj la kulturformoj de la nacioj de tiu kontinento estas nun disvastigataj tra la tuta tergiobo. Ni flankelasas la absurdan aserton, laŭ kiu Eŭropo devus unuiĝi por sin eventuale defendi kontraŭ Ameriko. Estus sensence forigi la militojn inter la nacioj por ilin restarigi inter kontinentoj.[1]

La sola kriterio pri la akcepto de la ŝtatoj en la federacion estas la grado de civilizeco, kiun ili atingis. Nek la geografia situacio, nek la religio, nek la raso, nek la koloro estas sufiĉaj kriterioj. Sed kion ni nomas civilizeco? Ni ne devas identigi ĉertajn kulturformojn kun la civilizeco, sed prefere ni konsideru la kondiĉojn, kiuj ebligas la disvolviĝon de la homaj fakultoj kaj la plibonigon de nia vivo. Tiuj kondiĉoj estas la ordo kaj la sekureco, dank' al kiuj la individuoj, liberigitaj je la zorgo defendi sian personon kaj sian posedaĵon, povas dediĉi sian energion al pli altaj celoj. Ni do tiuokaze mezuras la civilizecon de politika grupiĝo laŭ ĝia jura organizo. La federacio ne estos kapabla plenumi sian civilizigan taskon, se la ŝtatoj, el kiuj ĝi konsistas, ne estas firmaj kaj ordaj organismoj, garantiantaj la sekurecon de siaj anoj. Al la ŝtatoj, kiuj formos la kernon de la federacio, apartenos la tasko juĝi ĝis kiu grado la ceteraj nacioj prezentas sufiĉan civilizecon por fariĝi membroj de la ligo.

*(Daŭrigota.)* *H. Hodler.*

[1] Je la dua Haga Konferenco partoprenis ĉiuj Eŭropaj kaj Amerikaj nacioj, plie Ĥinujo, Japanujo, Persujo kaj Siamo. La gravajn internaciajn konvenciojn subskribis ankaŭ la plimultaj Amerikaj ŝtatoj.

 SOCIA VIVO 

## La Milito kaj ĝiaj laŭdiraj bonfaroj

La laŭdantoj de l' milito, kiuj volas fari virton el neceso, nun ĉiuloke elstaras el la tero. Meze de la mizero kaj de la ruinoj, de l' terura spirita kaj ekonomia disfalo, ili volas konvinki la homaron ŝanceligitan de l' okazintaĵoj pri la bonfaroj, pri la feliĉo, kiujn alportis al ili la plej terura milito, iam vidita en la mondo. La spirito de l' milito, kiu ekkaptis la publikan opinion en ĉiuj landoj, nun influas la agadon de tiuj orumistoj de l' mizero kaj faciligas ilian faron.

Ŝajnas do, ke la momento estas oportuna, por konigi al pli vasta rondo la bonegan refuton, kiun faris la sociologo *Novicow* al la laŭdantoj de l' milito kaj de ĝiaj laŭdiraj bonfaroj en sia konata verko *„La laŭdiraj bonfaroj de la milito"*, kiu unue aperis en 1895, france kaj germane. La klarigoj, kiuj antaŭ dudek jaroj trovis plenan konsenton kaj tiom plaĉis al kelkaj, povos nun fariĝi spirita sanigilo por multaj kaj kuraĝigo por homamaj pensemuloj. Mi eĉ opinias, ke la popolo atendas tian sanigilon, post kiam ĝi ŝajne pacience akceptis la diktaĵojn de certa gazetara kaj broŝura literaturo. Ŝajnas al mi, kvazaŭ tiuj laŭdoj de l' milito, tiuj asertoj de ĝia alta moraleco, de ĝia socia kaj ekonomia valoro, de ĝia superhoma forto kiel edukanto de la homoj, nur ŝajne konvinkas la amasojn, ke tiuj ĉi sekrete kritikas, kaj estas tute pretaj, danke akcepti la prezentitan helpon.

Pro tio, tiu ĉi verko havas nun taskon plenumotan. Ĝi reestigos saman kaj logikan pensadon. Por karakterizi la argumentojn de Novicow, jen kelkaj eltiraĵoj el lia libro:

„... Same pri la internaciaj demandoj: ili neniam estos solvitaj, dum oni uzas perforton, t. e. tiel longe, kiel oni militados. La pasinto estas al ni garantio de l' estonto, kaj se okmil militoj ne havis kontentigan rezulton, oni devas esti nepre malsaĝa por opinii, ke bataloj estas taŭgaj rimedoj, por solvi internaciajn konfliktojn. Demando estas solvita nur tiam, kiam ĝi estas decidita de la du interbatalantaj partioj laŭ maniero justa ..."

„... Kontraŭe, estas facile pruveble, ke la milito ĉiutempe faris maljustan apartigon. Ĝi ĉiam forigis la fiziologie plej perfektajn individuojn kaj konservis la malpli perfektajn. La milito neniel akcelis la plibonigon de la homa speco; ĝi malakcelis ĝin. La plibonigo fariĝis ne dank' al la milito, sed malgraŭ ĝi ..."

„... La ideo, ke per perforta preno de la bienoj de l' najbaro, oni pli rapide povas riĉiĝi ol per propra laboro, estas profunde enradikigita en la homa spirito ..."

„... Estas facile pruvebla, ke la kapitalo uzita en militistaj entreprenoj, estis ĉiam pli granda ol tiu uzita en aliaj entreprenoj. Ju pli la homoj opiniis, ke la milito povas ilin riĉigi per ‚pli malgranda laborkvanto', des pli ili estis devigataj pliampleksigi la militon, ĝin bone organizi, ĝin provizi per la plej perfektaj armiloj, resume uzi por ĝi kapitalojn pli kaj pli grandajn ..."

„... La ideo, ke nia feliĉo estas en rekta proporcio al la nombro da kvadratkilometroj de niaj ŝtatoj, estas nura abstraktaĵo ... La sendanĝereco do ne pliiĝas proporcie al la kvadratkilometroj, kaj la grandegaj penadoj uzitaj dum jarcentoj por plivastigi la ŝtatojn, la miliardoj da malŝparitaj laborvaloraĵoj difinitaj por tiu celo, estas nepre perditaj. Per milito oni neniam akiros sendanĝerecon; ĝi estas nur akirebla per ties forigo ..."

„... Kial estus en Eŭropo pli da klereco, post kiam malspritega roma soldato mortigis Archimedes ol antaŭe? Kion povas respondi al tio la partianoj de la milito? — Fakte la kulturo disvolviĝis ne per la milito, sed spite de ĝi ..

„... De post Buddha ĝis nun oni multe parolis kaj skribis pri moraleco; sed la maksimoj ĉiam estas formulitaj por la faranto: Ne mortigu, ne ŝtelu, ne adultu k. t. p. La moralistoj do ĉiam celas la homon, kiu *faras* la agon, neniam tiun, kiu ĝin *suferas*. Nenio estas pli logika ol tio, ĉar la ago de l' dua estas kondiĉita de tiu de l' unua. Sed tuj kiam temas pri internaciaj rilatoj, tiu ĉi sana rezonado malaperas kvazaŭ per sorĉo. Milito estas masmortigo, kaj tamen oni ĝin laŭdegas kaj atribuas al ĝi virtojn mirindajn. Kaj tio fariĝas nur pro tio, ke per nekomprenebla malsaĝeco oni ĉiam celas nur tiujn naciojn, kiuj suferas la atakojn, ne tiujn, kiuj ilin faras ..."

„... Milito kapablus efiki morale, sed nur kondiĉe, ke oni povu sin defendi, ne estante atakita ..."

„... Certe estas, ke post milito amasiĝos dekobla malamo. Kiun estonton do revas tiuj, kiuj volas konservi la nunan staton? Ĉu senfinan, senkompatan buĉadon? Kaj per tio ili esperas, renovigi kaj moraligi la homan rason? Oni same bone povus uzi petrolon por estingi brulegon ..."

„... Oni komparu la militon kun la klasikaj lingvoj: La latina lingvo iam estis la literatura kaj scienca idiomo de Eŭropo. Oni ĝin lernis pro la sama motivo, pro kiu Celto el Bretonujo hodiaŭ lernas la francan lingvon. La greka literaturo malfermis fonton da estetikaj ĝuegoj kaj sciencaj konoj. Oni do en la 15ª jarcento lernis la grekan lingvon pro la sama motivo, pro kiu hodiaŭ Ruso lernas la francan lingvon. Ĉio ĉi estas pasinta, sed la kutimo restis. Pro maldeziro, ŝanĝi niajn malnovajn instrumetodojn, ni provis ilin pravigi per la plej nekredeblaj subtilaĵoj. Ekzemple oni iun tagon eltrovis, ke la studado de la greka kaj latina lingvoj estas spirita gimnastiko, ke per ĝi la logika pensado perfektiĝas, kaj ke ĝi estas tre grava kulturilo. Resume, la greka kaj latina lingvoj estis antaŭe rimedoj. Kiam ili ĉesis plenumi tiun taskon, ili fariĝis celo.

Same pri la milito. La homoj ĝin faris dum jarcentoj, por akiri riĉaĵojn kaj honorojn, kaj kiam evidentiĝis, ke per ĝi la venkintoj tiel same malriĉiĝis kiel la venkitoj, oni ĝin ornamis per virtoj. Ho! kiom da subtilaĵoj oni elpensis. Ekzemple: Milito moraligas la popolojn, mortigo malhelpas la spiritan forvelkigon, k. t. p. Estas tre atentinde, ke ĉiuj ĉi bonfaroj de l' milito estas eltrovitaj post finita agado, kiam la publika opinio komencis stariĝi kontraŭ ĝi. Estas precize kiel pri la studo de la latina lingvo: oni eltrovis ĝiajn mirindajn ecojn nur post kiam ĝi fariĝis superflua ..."

„... Oni ankaŭ atribuis al milito la meriton, ke ĝi malhelpas la trohomplenecon. El ĉiuj subtilaĵoj tiu ĉi estas unu el la plej malsaĝaj. Virino naskas knabon, lin nutras per sia lakto kaj lin edukas ame kaj zorge. La knabo estas bone instruita, kaj lia familio sinofere klopodis por pagi la kostojn. Kiam li estas dudekunujara, li estas soldatigata kaj sendata al la buĉejo, por malhelpi la trohomplenecon. Ĉu tio ne estas pura frenezo? Se efektive estas trohompleneco, ĉu ne estus preferinde, sin deteni de infannaskigo, anstataŭ tiamaniere barbare buĉadi la noblan junularon de tuta generacio? ..."

„... La grandaj eŭropaj nacioj devus serioze ekzameni sian konsciencon. Tiam ili komprenus, ke ili estus ĉiuj sammezure malmoderaj kaj krudaj. La politiko de ĉiu el la eŭropaj ŝtatoj malhelpas la feliĉon de milionoj da homaj kreitaĵoj.

Ne! La najbaro ne estas la sola atakanto. Ni ankaŭ atakas. Estas malvere, ke ni nin nur defendas. Ni ofendas la rajtojn de la aliaj, tiel same, kiel ili ofendas la niajn ..."

„... Verŝi sangon por la akiro de provinco, estas vera infanaĵo. Niaj plej teruraj malamikoj, kiel la aliaj bestspecoj kaj la elementoj ĉiuminute, ĉiuhore, ĉiutage, senĉese kaj senindulge, nin atakas, kaj tamen ni nin reciproke kiel frenezuloj batmortigas! Ĉiumomente la morto nin ŝtelatendas, kaj ni havas nenian alian pripenson, ol forrabi de l' najbaro kelkajn landpecojn! Kvin miliardoj da labortagoj ĉiujare celas la ŝanĝon de la politikaj limoj. Oni nur pensu, kiom la homaro kapablus efiki, se tiaj grandegaj penadoj povus esti direktataj kontraŭ niaj veraj malamikoj: por la ekstermo de la malutilaj specoj kaj de la malamika ĉirkaŭaĵo. Post malmultaj jaroj ili estus subigitaj. La tuta tergloboo fariĝus modela farmobieno, ĉiu floro florus por nia uzado, la sovaĝaj bestoj malaperus, la malgrandegaj fariĝus nemalutilaj per higieno kaj pureco. La tuta planedo estus ordigita laŭ niaj bezonoj: la terkolo de Panama ne plu malhelpus la marveturadon, Kaŭkazo kaj Himalaja la trairon de la fervojaj vagonaroj; resume, la tagon, je kiu la homoj komprenus, kiuj estas iliaj plej danĝeraj malamikoj, ili sin ligus kontraŭ ili kaj ĉesus sin reciproke mortigi pro nuraj bagateloj kiel sovaĝaj bestoj. Tiam la homaro fariĝus la vera estro de l' terglobo, la reĝo de la kreitaro.

La homo iam estis la ĉasaĵo de l' homo. En niaj modernaj ŝtatoj, tiuj vastaj socioj por reciproka prirabo, la homo estas plej ofte la sklavo de l' homo. Ni estos atingintaj la supron de la surtera atingebla bonstato, kiam la homo estos la kunulo de l' homo."

*J. Novicow.*
Trad.: *A. C.*

## La angla kampara gastejo

Pri la gastejo, kiu troviĝis en Anglujo antaŭ preskaŭ cent jaroj, verkis George Borrow en *„The Romany Rye"*, jene:

La gastejo, en kiu mi fariĝis loĝanto, estis loko kun multa vivado kaj okupeco. Ĉiaj vojaĝantoj el ĉiuj kompasaj punktoj restadis ĉe ĝi; kaj por atenti iliajn bezonojn kaj servi al iliaj oportunecoj, armeo da servistoj de unu speco aŭ alia dungiĝis; kelneroj, ĉambristinoj, ĉevalistoj, antaŭrajdantoj, ŝupoluristoj, kuiristinoj, pladpurigistoj, k. t. p., inter kiuj troviĝis barbisto kaj frizisto, kiu iam loĝis en Parizo, kaj parolis france kun la Londona idiomo, tiel, ke lia franca parolmaniero sonis des pli bela, ĉar neniu idiomo estas tiel melodia kiel la Londona.[1] Turnrostiloj knaris en la kuirejoj turnante pikilojn ĉe kiuj pendis grandaj viandoj bonodore rostiĝantaj antaŭ grandaj fajroj. Okazadis kurado supren kaj malsupren sur la ŝtuparo kaj laŭlonge de la koridoroj, brufermiĝantaj pordoj, krioj de „Mi venos, Sinjoro!" kaj „Volu paŝi ĉi tien, Sinjorino!" dum dek-ok horoj el la dudek-kvar. Vere, granda loko de vivado kaj okupeco estis ĉi tiu gastejo, kaj ofte en mia pli posta vivo, kiam mi estis soleca kaj malĝoja kaj memoris la tempon, kiun mi tie pasigis, mi neniam malsukcesis fariĝi gaja pro tiu memoro.

Mi trovis la mastron de tiu domo tre bonkora kaj afabla homo ... Li ne estis, tamen, unu el tiuj homoj, kiuj lasis sin trompi de iu; li konis siajn klientojn kaj havis trankvilan, klaran okulon, kiu trarigardadis homon ŝajne ne farante tion. La gastigaĵo de lia domo estis la tre bona speco; liaj vinoj estis bonaj, liaj viandoj egale tiaj, kaj liaj prezoj ne troaj; kvankam li tute zorgis pri si kaj rajte. Li ne estis ia kruda mastro de gastejo, li havis amikaron, kaj la tuton li meritis. Dum mi loĝis ĉe li, granda kunveno da amikoj kaj klientoj donacis al li, ĉe lia gastejo, vespermanĝon, kiu estis tre multekosta, ĉe kiu la plej bonaj vinoj gaje trinkiĝis. Arĝentaĵon valorantan kvindek gineojn oni ĉe tiu vespermanĝo ankaŭ donacis al li. Li ricevis ĝin, faris trafan dankan paroladon, kaj kiam oni petis la kalkulon, faris pluan trafan paroladon, en kiu li rifuzis ricevi eĉ unu kvaronpencon pro

[1] Eble en tiu tempo. — T.

la manĝo, mendante samtempe du pluajn dekduojn da plej bona ĉampano, residante en la mezo de grandaj aplaŭdoj kaj krioj de „Vi ne perdos per tio!" Estas nenio tre mirinda en tia agado, oni eble diros: mi ne diras, ke estas, nek mi havas ian intencon peni konvinki la leganton, ke la mastro estis la Carlo Borromeo; li nur redonis unu *quid pro quo;* sed ne troviĝas, ke ĉiu homo donos al vi unu *quid pro quo.* Se li estis vulgara mastro, li pagigus laŭ postulema kalkulo post la ricevo de la argentaĵo; eble ke ne, sed argentaĵon oni donis al multaj mastroj, kies admirantoj neniam ricevis unu *quid pro quo,* krom en la formo de postulema kalkulo.

* * *

Tia estis la gastejo antaŭ cent jaroj. Sed por mi la vorto „Gastejo" donas alian ideon; ĝi estas kvazaŭ magia fenestro, kiu malfermiĝas al regno plena de longaj marŝoj, komplezaj fremduloj kaj strangaj aventuroj; regno, kies anoj estas amikoj sennomaj, senurbaj, senparencaj, kaj senzorgaj.

La gastejo, pri kiu mi nun pensas, staras ne ĉe la ĉefa vojo, ne en urbo, sed apud sovaĝa stepo en marborda vilaĝo, kies loĝantoj estas multaj fiŝistoj. Eble oni demandos, pro kio estas bezona gastejo en tiu izolita loko. Mi respondas, ke tia gastejo ekzistas kiel renkontejo por simplaj maristoj, farmistoj, stepanoj, kaj artistaj vagistoj, kiuj vojaĝas piede. Kvankam tiu gastejo malofte akceptas pli ol du—tri fremdajn gastojn en unu monato, tamen ĝi pli komforte gastigas, ol la granda hotelo. En ĝi oni fariĝas gasto en la vera signifo de la vorto; tio estas, oni fariĝas bonvena amiko.

Por ke oni rekonu ĝin, kiam ĝi vidiĝas, mi priskribu ĝin. Ĝi staras tute apude al ponto, sub kiu fluas rivereto en haveneton. Ĉe la malantaŭo sternas sin pomarbejo kaj malnovmonda ĝardeno. Ĉe la fino de tiu pomarbejo kuŝas la stepo, kiu iom post iom levas sin al la horizonto, post kie en la malproksimo kuŝas mia hejmo. Maldekstre de la gastejo vidiĝas kelkaj tegmentoj kaj pitoreska preĝeja turo kaj pli maldekstre, havenaj krutaĵoj levas sin alten. Ĉe la dekstra flanko staras belaj marbordaj krutaĵoj kovritaj de arboj. La tuta vilaĝo similas al brilkolora ŝtoneto en moska fendo. La pajla tegmento de la gastejo estas pitoreska kun konturoj neniel horizontalaj kaj strangformaj gabloj kaj fenestroj. La muroj estas tre dikaj kaj ŝmiritaj ekstere per plastro kreme kolorita. Ili havas grandajn masonaĵojn, el kies suproj forflugas fumo: ili estas kamentuboj. La fenestroj havas pli multe da larĝo ol alto kaj entenas malgrandajn pecojn de vitro. Enirinte la portikon, en kiu ambaŭflanke estas benkoj, ni trovas larĝan kverkan pordon, super kiu vidiĝas la jena skulptaĵo:

Gasto sen avizo
Estas ĝojsurprizo.

Estas nokte en la vintro, la aero estas tranĉe malvarma. Du junuloj post longa surstepa marŝo levas la pezan feran anson, kaj la pordo svingiĝas grince internen, vidigante al ili grandan ĉambron varmigitan de granda ligna fajro kaj oranĝa lumo de la lampoj. Ambaŭflanke de la fajrujo estas benkoj kun dorsoj, altaj ĝis la plafono; sur ili sidas ruĝvizaĝaj kamparanoj kaj fiŝmaristoj. Ĉiuj salutas la du junulojn, kiuj mendas trinkaĵon varmigan, baldaŭ alportitan de la mastro, dum lia edzino prenas la tornistrojn demandante, ĉu la du junuloj bezonos litĉambrojn dum la nokto. Kompreneble, ke jes, ĉar enirinte vespere tian varme gastigan domon, ili vole ne vole devas resti almenaŭ unu nokton. Sidlokoj ĉe la kamenaj anguloj troviĝas por ili, kaj baldaŭ ili jen aŭskultas kamparanan babiladon, kaj jen rakontas hodiaŭan travivaĵon, ĝis la enlitiga horo, kiam ili falas en dormon tre dolĉan pro la tuttaga marŝo . . . En la mateno ili vekiĝas kaj trovas, ke la litĉambro estas antikva kun longaj deklivaj plafonoj, strangformaj anguloj, kaj malnovaj mebloj. Irinte malsupren ili nun rimarkas, ke la granda ĉambro, kie ili pasigis la hieraŭan vesperon, havas murojn kun kverka panelaĵo kaj belaj fenestroj, kiuj elrigardas al la haveneto, kie la mevoj faras kvazaŭ grandan neĝan falegon. En la ĉambro estas multaj pordoj: unu kondukas al bela ĉambreto, kie la matenmanĝo estas preta. Tio konsistas el ovoj, kremo, kafo, fruktoj, grandaj kakoj k. t. p., sed nenia viando, ĉar la du junuloj jam de longe ne manĝis putriĝintajn kadavrojn de besto, birdo aŭ fiŝo.

En tiu feliĉejo la du junuloj forgesas pri ĉiutagaj gazetoj, leteroj kaj ceteraj, pretigante sin por plua longa marŝo sur la stepo.

Tiel pasas kutime kelkaj horoj en mia gastejo.

La mastro mem havas karakteraĵojn, kiuj estas tre necesaj por bona gastiganto. Unue, li estas vastkorpa. Kiam mi estis novebakita vagisto, mi ofte demandis al mi, kial ideala mastro de gastejo devas havi grandan korpon. Sed la afero klariĝis fine, kiam mi marŝis kun du kunuloj sur la stepo. Ni perdis la vojon pro ne sufiĉa antaŭzorgo, kaj ni ankaŭ fariĝis malsekaj ĝis la haŭto pro la sama kaŭzo. Dum kelkaj horoj ni erarvagis, fariĝante malsataj kaj malvarmaj. Fine, ni trovis homon en budo, kie oni kolektis torfon por fari eksperimentojn por uzi ĝin kiel komercaĵon. Li havis fajron kaj donis al ni teon, sed ne multon por manĝi. Pro tio, ke tiu budo estis en la mezo de tiu parto de la stepo, ni devis marŝi ses mejlojn al urbeto, kiun ni volis atingi: do ni ekiris. Dumvoje, miaj du kunuloj multe diskutis pri la gastejo vizitota; mia vaste korpa kunulo volis loĝi ĉe unu, kaj mia ete korpa kunulo volis alian. Fine mia granda amiko ĉesigis la argumenton dirante: „Mi konsentas kun vi, ke via proponita gastejo estas pli bona, ol la mia rilate al manĝoj, komforto, kaj kosto; tamen la mastro de via gastejo estas maldika hometo. Do, se ni vizitus lin, li ne povus bone gastigi min, ĉar liaj vestoj ne kovrus min; aliflanke la gastiganto, al kiu mi nun kondukos vin, havas grandan korpon, kies vestoj kovros ĉiujn nin." Kaj mi trovis ĝin vera. Dum tiu vespero ni vestis nin en la vestoj de nia gastiganto, dum oni sekigis la niajn. Estas vere, ke nia eta amiko aspektis iom strange, ĉar la pantolono atingis lian mentonon, kiel mia granda amiko profetis: la vestoj *bone* kovros lin.

Alia karakteraĵo de bona gastiganto estas la rakontipovo: li nepre devas fari tion bone. La mastro de la gastejo, pri kiu mi nun skribas, estas ideala en tiu rilato, pro tio, ke li loĝis en parto de Anglujo, kie oni laste komercis kontraŭbande, li estante sufiĉe maljuna por memori la strangajn fariĝojn el tiu tempo. Ŝajnas, el lia rakontoj, ke oni faris aferojn kontraŭ la leĝo, parte pro la kutimo, kaj parte pro la ekscito kaj ne tiom pro esenca malboneco.

En alia rilato mia priskribata mastro estas ideala — aŭ preskaŭ unika — li estas tre klera pri la naturo. Bone li povas marŝi sur flankaj vojoj jen vidigante maloftajn kreskaĵojn, jen trovante fremdajn birdojn kun ilia nesto, kaj jen kondukante min al interesaj kavernoj. Sole pri arboj mi foje aŭskultis lin dum unu tuta marŝo. Ĉar li estas farmisto, li ofte povos doni al gasto laboron sur la kampoj, se tiu volas. Li ankaŭ povas aranĝi por kelktaga vojaĝo sur la maro kun la fiŝmaristoj; tre spertinda fariĝo.

Sed, kiam mi aludas la politikon, vi supozeble pensos, ke ne estas eble, ke bona gastiganto povu havi sinceran politikan kredon. Tamen, li estas tre fervora politikisto. Mi vidis lin paroli kun konservativuloj, liberaluloj, radikaluloj, socialistoj kaj anarkistoj, kaj ĉiuj el ili lernis ion de li. Kutime, kiam li diskutas, li komencas montri la bonojn en la politika partio de sia kundiskutanto, kaj iom post iom

kondukante lin al pli alta vidpunkto. Same estas pri la religioj; li trovas verojn en ĉiuj.

Pri la mastrino, kompreneble, ŝi estas tiel sama por la virino, kiel ŝia edzo por la viro — jes, eĉ pri la politiko, ĉar ŝi, same kiel aliaj virinoj, venis al la konkludo, ke ĉar ŝi vivas, ŝi havas saman rajton kiel la viro por uzi sian cerbon por baloti pri sia vivo kaj siaj infanoj.

Eble la plej granda ĉarmo de mia gastejo estas la okazaj vizitantoj. Nenio en la mondo ŝajnas tiel bona por tiaj renkontoj, kiel la pieda vagado; oni tuj amikiĝas kaj intimiĝas kun kunvagisto, ne demandante nomon, profesion k. t. p. Strangaj homoj estas ili. Foje mi renkontis junulon, kiu marŝis sola, sen ĉapelo kaj sen tornistro. Ni tuj amikiĝis. Li diris, ke li marŝis dum pli ol unu semajno sur la krutaĵoj de la marbordo. „Mi volas esti libera“, li diris, „tute libera.“ Pli poste ni kune filozofiis, kaj li foriris, konsilante, ke mi ĉeestu iun parton de la marbordo por vidi la sunon subiĝi en la maron. Tiu renkonto daŭris unu horon; mi ne konis lian nomon, nek kie li loĝis, kaj li same pri mi. Sed tiu unuhora kamaradeco restas en la memoro pli daŭre ol kelkaj multjaraj amikiĝoj, kaj mi ofte demandas al mi, kio fariĝis kun tiu amanto al la libereco. Aliaj gastoj klare videblaj en mia memoro estas multaj; strangaj filozofoj, lertaj artistoj, belvoĉaj poetoj — ĉiuj sennomaj, senurbaj.

La kampara gastejo estas magiejo. Eĉ la libroj, kiujn oni legas tie, ŝajnas pli memorindaj, kaj la objektoj, kiujn oni studas, pli interesaj. En unu stepa gastejo mi komencis lerni Esperanton; la vortoj eriko, torfo, rivereto kaj granito konigis al mi unue ĉi tiun lingvon.

Nuntempe en Britujo la ĉefvoja gastejo rapide evoluas; ĝi subite fariĝas haltejo por aŭtomobiloj; sed mia gastejo restas netuŝita de tia modernaĵo. Eble oni opinios, ke ĝi ekzistas entute nur en la pensoj. Ĉu ĝi estus malpli reala pro tio?

Originale verkis
*Tagulo.*

# ★ NOTOJ ★

∴ **Pacaj Organizoj.** — Tiu ĉi ĉefe estas traduko el „De Tuekomstige Vrede“ (La Estonta Paco), oficiala organo de la Konsilantaro Nederlanda kontraŭ la milito:

Dum ni ankoraŭ vivas en tempo de milito, dum ni ankoraŭ ofte aŭdas la tondradon de l' pafilegoj, ni tamen kun ĝojo povas konstati, ke la pacmovado ne estas morta, sed kontraŭe pli kaj pli disvastiĝas. La Konsilantaro Nederlanda kontraŭ la milito nun havas preskaŭ 30,000 subtenantojn, dum pli ol 1100 asocioj aliĝis. Grava estas certe ankaŭ la laboro de la Centra Organizo por daŭra paco, je iniciato de la Konsilantaro fondita en aprilo 1915, kaj kies minimuma programo aperis en „*Esperanto*“ de 5 junio 1915. En Norvegujo ne malpli ol 378 urbestraroj oficiale simpatiis je la minimuma programo. Pli ol 900 asocioj aliĝis al la norvega Komitato, kies prezidanto estas S-ro Löfland, prezidanto de la „Storting“, kaj kies sekretario estas S-ro Chr. L. Lange, Kristiania, ĝenerala sekretario de la Interparlamenta Unio. En Svedujo ekzistas Komitato, kies prezidanto estas la eksministro Barono Adelswärd, dum S-ino Anna Bugge-Wicksell en Lund estas sekretariino. Pli ol 1000 asocioj aliĝis, dum 106,000 Svedoj pruvis sian simpation. En Danujo aliĝis la ekzistanta Pacasocio al la Centra Organizo. Reprezentanto de Danujo en la estraro de la Centra Organizo estas S-ro Th. Stauning, Kopenhago, prezidanto de la dana socialdemokrata partio. En Svisujo fondiĝis Asocio, en kiu la Franc-, German- kaj Italparolantaj Svisoj ĉiuj grandnombre estas reprezentataj. Prezidanto estas nun la parlamentano S-ro J. Scherrer-Füllemann, St. Gallen. Ankaŭ en Hispanujo, Brazilio kaj Usono ekzistas Centraj Komitatoj. Eĉ en Grekujo kaj Rumanujo, kie ĝis nun ĉiu pacmovado estas preskaŭ nekonata, estas nun reprezentantoj, kiuj provas formi naciajn grupojn. Ankaŭ en Argentino, Kosta Riko, Ekvadoro, Gvatemalo, Haitio, Meksikujo, Nikaragvo, Urugvajo, kaj Venezuelo la Centra Organizo havas reprezentantojn. — *C. Chr. D.*

∴ **La poŝto de la militkaptitoj.** — De la monato septembro 1914 ĝis la fino de marto 1916, la speciala poŝto de la militkaptitoj en Bern ekspedis al:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Germanujo . | 48,064,031 | leterojn kaj kartojn; | 3,655,864 | pakaĵetojn |
| Francujo . . | 45,526,581 | „ „ „ | 2,060,738 | „ |
| Aŭstrio-Hung. | 3,496,322 | „ „ „ | 1,749 | „ |
| Italujo . . . | 2,587,450 | „ „ „ | 6,742 | „ |
| Britujo . . . | 91,532 | „ „ „ | 2,335 | „ |
| Turkujo . . | 109,772 | „ „ „ | 976 | „ |
| Bulgarujo . . | 21,766 | „ „ „ | 660 | „ |
| *Sumo* | 99,897,454 | leterojn kaj kartojn; | 5,729,064 | pakaĵetojn |

La nombro de la pakaĵoj dum la sama periodo atingas 23,098,925. El Svisujo al la diversnaciaj militkaptitoj internigitaj en Germanujo estis ekspeditaj 1,605,751 pansendaĵoj pezantaj 3,095,820 kg. La pograndaj panekspedoj estas faritaj en la formo de rapidiraj fervojaj pakaĵoj kaj ne estas enkalkulataj en la supra statistiko.

De septembro 1914 oni ekspedis al:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Germanujo | (francaj kaptitoj) | 2,579,301 | mandat. | 30,366,859. 85 Fr. |
| Francujo | (germanaj „ ) | 596,611 | „ | 9,390,242. 71 „ |
| Rusujo | (aŭstriaj „ ) | 208,082 | „ | 5,132,117. 02 „ |
| Aŭstrio-Hung. | (rusaj „ ) | 450,542 | „ | 7,606,525. — „ |
| | *Sumo* | 3,834,536 | mandat. | 52,495,744. 58 Fr. |

Dum la monato marto 1916, la administracio de la svisa poŝto ricevis kaj ekspedis, por la militkaptitoj, *ĉiutage meznombre* 279,834 leterojn kaj kartojn, 18,021 pakaĵetojn malpli ol 1 kg., 87,164 pakaĵojn ĝis 5 kg., 10,567 mandatojn, je valoro da 141,745 frankoj. — *Laŭ oficiala komunikaĵo.*

∴ **Ekspozicio en Panamo.** — La 1 februaro 1916 komenciĝis en urbo kaj respubliko Panamo ekspozicio memoriga je la eltrovo de la Pacifika Oceano. Estas celate ne sole ekspozicii objektojn, sed ankaŭ fondi poste daŭran ĉenon de komercaj muzeoj, kunigotan tie en internacian lokon, inter la nordaj kaj sudaj respublikoj Amerikaj. La ekspozicio ankaŭ rememorigas la kompletiĝon de la Panama kanalo. La konstruaĵoj de la ekspozicio estas majestaj kaj belaj. Post kiam finiĝos la elmontrado, la domegoj de la Respublikoj Panamo kaj Kubo, kun tiu de Hispanujo, fariĝos diplomatarejoj por la nomitaj landoj respektive. Usono kaj Kubo sendis grandan parton de la montraĵoj, kiujn ili ekspoziciis en San Francisco, ĉe la Panama-Pacifika Internacia Ekspozicio. Ĉiaj ĉirkaŭaĵoj kaj detaloj de la ekspozicio, ĉu ekstere, ĉu interne, estas ĉiel modernaj, artistaj kaj belegaj. Hispanujo, Kubo kaj aliaj latinidaj ŝtatoj sendis speciale pli ampleksajn kaj ĝisnunajn elmontraĵojn de siaj produktoj kaj progresoj. — El *Pacifika Espero.*

# Al niaj abonantoj

**Ĝis pliboniĝos la cirkonstancoj, nia gazeto regule aperas ĉiumonate.**

**La abonantoj, kiuj estos senpere informataj pri finiĝo de sia reabono, estas petataj kiel eble plej baldaŭ sendi al ni la sumon de 5 frankoj per poŝtmandato aŭ respondkuponoj.**

**Escepte, ni ankaŭ akceptos sesmonatajn abonojn po 2,50 frankoj.**

**La abonantoj, kiuj militservas aŭ estas militkaptitoj, kaj ne havus la eblon nun sendi sian reabonon, bonvolu nin informi.**

# LITERATURO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

**Nova Sento,** filozofia romano, originale verkita de *Tagulo*. British Esperanto-Association, London. Prezo: 1 š. (1.25 Fr.). 156 paĝoj.

Mizerulo malsata promenadas tra la Londonaj stratoj, plendante pri la sociaj maljustaĵoj. Li serĉas laborgajnon, sed ho ve! al ĉia ofico prezentiĝas dekoble pli da oficistoj ol estus necese. Dume, la gazetoj brue anoncas la aperon de fremda planedo, danĝera al la tero. Ĉiutage la planedo pliproksimiĝas. Tertremoj, ventegoj, ĉiea ekscitego. La mizerulo fine trovis bonfaranton, kiu havigas al li laboron, sed ne longe li plenumos ĝin: La terura planedo estas ĉiam pli proksima, muĝas ventego el nigra ĉielo, kamentuboj disfalas, ardezoj elŝiriĝas, detruiĝas fervojoj. Nia heroo kaj lia bonfaranto decidas aeroplane flugi al Germanujo. Ili nun flugas super Londono, super la maro... Sed nepriskribebla ekstazo kaptas la flugantojn, kaj kiam li vekiĝas el ĝi, la antaŭa mizerulo, denove sola, troviĝas en stranga kaj bela loko, kie la homoj, vestitaj je kvazaŭ antikva greka robo, ŝajnas el supera raso. Efektive, li eksciis post kelka tempo, ke li troviĝas sur la planedo Marso.

La sekvantaj paĝoj priskribas Marson, speciale pri tio, kio koncernas la politikan kaj socian organizon, la filozofion, la vivadon, la kutimojn de la Marsanoj. Oni komprenas, ke la aŭtoro uzas tiun fikcion nur por priskribi nian propran planedon tia, kia li dezirus, ke ĝi estu. La Marsanoj estas socialistoj, feministoj, pacifistoj, vegetaranoj, teozofoj, kaj multe da aliaj -ismoj, kiuj ĉe nia konservativema tero renkontas nur skeptikecon, fariĝis en la frata planedo nova Evangelio. Sed se la Marsanoj estas pli progresintaj ol ni en multaj rilatoj, ili ne elpensis novajn distrajojn, kaj la maniero, laŭ kiu ili pasigas la eksterlaborajn horojn tre similas la kutimon de la bona angla societo: oni ludas laŭntenison, gondolveturas, ĉeestas aeroplanan konkurson.

Estas karakterize, ke en tiaj rakontoj la aŭtoroj facile elpensas novan perfektan socian organizon, dank' al kiu la deviga laboro estas kiel ebie plej mallonga, sed malpli facile ili trovas novajn distrajojn en rilato kun la supera homaro, kiun ili revas. Ili nur povas apliki al ĉiuj homoj la distrajojn, kiuj ĉe nia planedo estas ebla) nur al kelkaj, sed novajn vojojn ili ne trovas. Verŝajne, se iam okazus sur nia tera planedo, ke la homoj estus submetataj nur je duhora deviga laboro sur la kampoj aŭ en la uzinoj — kiel en Lajsiso, la Marsa modelurbo, — la nombro de la neŭrasteniuloj, maniuloj, fondistoj de religioj, versfaristoj kaj tablodantoj kreskus en tia proporcio, ke la mondo fariĝus neloĝinda. En la pli multaj el tiuj verkoj pri la estonta surtera paradizo oni ĉiam penas malpliigi ĝis la ekstrema limo la daŭron de la devigaj laborhoroj, sed oni tute forgesas informi nin, kiel oni devas eduki la homojn, por ke ili sciu plezure pasigi la ceterajn horojn. Ili tamen ne povas ĉiam ludi laŭntenison aŭ primediti filozofiajn sistemojn. Ĉu la simpla laboro — ne duhora! — por iu elektita fako, kiun oni ŝatas, ne estas la plej bona distrajo, — ekster la tempo por korpekzercado, kiun postulas la higieno? La laboron, eĉ devigan, oni devas sanktigi, sed ne malpliigi ĝis limoj kontraŭnaturaj. La krea laboro ne estu konsiderata nur kiel necesaĵo, sed kiel nobla privilegio de la homa gento.

Ni ne volas plue ĉikani la aŭtoron, tiom pli, ke ne morgaŭ nia Tero fariĝos simila al Marso tia, kia ĝi aperas en lia verko. Sed ni ne volas pli longe kaŝi la plezuron, kiun ni havis, legante la rakonton de Tagulo. La stilo de la aŭtoro estas vere bonega. Flua, simpla, internacia, plene Esperanta laŭ spirito. Kiu neas la ekziston de Esperanta stilo, tralegu tiun libron kaj poste iun rakonteton elbakitan de freŝa Esperantisto ne konatiĝinta kun nia klasika literaturo. La diferenco rapide aperos. Krom tio, la nomita verko estas elegante eldonita, bele presita kaj mirige malkara. La aĉetonto de „Nova Sento" certe ne bedaŭros sian mendon, ĉar krom instruan kaj pripensigan legaĵon, li ankaŭ posedos belan libron, kiun pro ĝia bona stilo neniu sperta Esperantisto povas legi kun indiferenteco.

*Paul Seippel*, **Adèle Kamm,** el franca lingvo tradukis *René de Saussure*. Oficejo de Svisa Esperanta Societo, Hotelgasse 10, Bern. Prezo: Fr. 3. 170 paĝoj.

Tio estas la dua eldono de verko, kies unua eldono estis publikigita en iu reformita alfabeto. Tre prave S-ro de Saussure forlasis tiun sencelan vojon, kaj revenis al la pure Zamenhofa alfabeto. En sia nova formo, la nomita verko meritas la atenton de la Esperantista publiko kaj estas valora akiraĵo por nia Esperanta literaturo.

„*Adèle Kamm*" ne estas romano, sed biografia rakonto pri la vivo de mirinda junulino, antaŭ nelonge mortinta en Ĝenevo, vera nuntempa sanktulino, kiu, suferante de terura senkompata malsano, uzis ĉiujn uzeblajn momentojn por plibonigi la sorton de la malsanuloj kaj malfeliĉuloj. Kun kortuŝo oni sekvas en la biografio de S-ro Paul Seippel la etapojn de ŝia kalvario, kaj samtempe kun admiro ni konatiĝas kun la praktikaj agoj de tiu suferantino, kiu vivis nur por la aliaj kaj en bonfarado trovis sian konsolon. Kiom da nekuraceblaj malsanuloj, kiuj sin tute fordonis al la malespero, estis refortigitaj, rekuraĝigitaj per ŝia konsilado kaj per la nobla ekzemplo de ŝia vivo — vivanta atesto pri la triumfo de la spirito super la fatalaĵoj de la materio! Kiom da homoj estis konsolitaj kaj, sentinte ŝian influon, trovis la vivon malpli severa! Ĝis la lasta momento de sia ekzistado, malgraŭ teruraj kaj preskaŭ konstantaj suferoj, ŝi konservis trankvilan animon, dian serenecon. Kvankam religia, Adèle Kamm tute ne apartenis al la klano de la formalistaj piuloj. Kontraŭ ĉiuj kredoj ŝi estis absolute tolerema; kredantojn kaj nekredantojn ŝi egale amis kaj subtenis. Mistika, en la kutima senco de tiu esprimo, ŝi ankaŭ ne estis, sed altruista antaŭ ĉio, simpla, bonkora.

Tro ofte, oni nur kompatas la malsanulojn, sed al ili tio ne sufiĉas. Adèle Kamm, estante mem malsana, sciis ilin ami kaj interesi, praktike plibonigante ilian vivon. Oni de longe notis ĉe malsanuloj kiom la spirita influo povas efiki je la korpo. Nekuraceblaj malsanuloj, kutime, malesperiĝas, ĉar ilia vivo ŝajnas al ili tute stulta, sencela, sensenca. Per sia luma ekzemplo Adèle Kamm montris, kion povas fari forta volo kaj granda animo, eĉ malgraŭ la plej teruraj fizikaj malhelpoj. „Eĉ en afllikto, ni estu ĝojaj", — ŝi kutimis diri kaj pruvis per sia sintenado.

Ni devas danki la aŭtoron, ke li kunmetis en interesa kaj klara formo la ĉefajn faktojn kaj rememorojn pri la heroa vivo de tiu modesta junulino, kiu atingis la plej altajn suprojn de la tera sankteco. La talentan tradukinton ni ankaŭ danku, ke li bonvolis esperantigi tiun bonfaran verkon. La stilo estas flua, preciza kaj internacia, sed kelkloke oni ankoraŭ iom tro sentas la logikiston kaj teoriiston tra la literatura tradukanto. La libro estas bele presita kaj ornamata per ĉarma bildo de la heroino.

**Pri Cervantes kaj lia famkonata verko „El Quijote",** eldonita de *Madrida Esperantista Grupo*. Prezo: 1 Fr. 40 paĝoj.

Interesa biografio pri la fama aŭtoro de Don Kiĥoto, boheme verkita de A. Pikhart kaj esperantigita de Ed. Kühnl. Sekvas kelkaj juĝoj de hispanaj aŭtoroj pri la verko de Cervantes. Ni esperu, ke ni iam povos ĝui la legadon de Don Kiĥoto en Esperanta traduko.

**La Tagiĝo,** kanto Esperantista. Originale verkita de *Antoni Grabowski*. Muziko de *Baranski*. 2a Preso. Eldono de J. L. Bruijn, Hago (Nederlando).

*Interim.*

# Théophile Rousseau

Nova terura bato trafis nian Asocion; ree falĉis inter niaj vicoj la abomeninda militmonstro kaj forrabis de ili nian plej ageman kaj entuziasman kunlaboranton: Post Bolingbroke Mudie, jen malaperis Théophile Rousseau, kunfondinto kaj vicprezidanto de UEA, mortige vundita sur la batalkampo. Kia malĝojo, kia doloro trapenetras min, dum mi skribas tiujn liniojn kaj enpense revivas la dekjaran amikan kunlaboradon! Kiom da rememoroj, da impresoj, da sentoj revekos en mi la seka citado de la laboroj, kiujn li plenumis, de la okazintaĵoj, en kiuj li partoprenis, de la ideoj, al kies triumfo li sin dediĉis! Kaj kia indigno, kia ribelo, je la penso, ke kruda ferpeco, hazarde aljetita, en kelkaj minutoj redonis al la tero tian valoran vivon, el kia multaj similaj estus tiel necesaj por la rekonstruaj taskoj de la postmilita tempo! Ĝis kiam daŭros la sanga ofero? Ĝis kiam ni estos devigataj senpotence ĉeesti la barbaran vivdetruadon?

* * *

La nomo Rousseau eble ne estis konata de ĉiuj Esperantistoj, sed oni scias, ke ne laŭ la famo de la nomoj estas taksebla la vera merito. La modesteco kaj simpleco de nia amiko lin fortenis de la iafoje iom brua kaj „monduma" karaktero de nia movado, sed lia serioza agemo kaj forta idealo lin tiom pli firme alligis je la labora pozitiva flanko. Nur unu ambicion li havis: ke UEA prosperu kaj triumfu super ĉiuj malhelpoj. Pri titoloj kaj honorigoj li tute malzorgis; lian tutan agadon, ĉiujn liajn klopodojn ĉiam instigis kolektiva intereso, neniam la propra. Li estis unu el tiuj nemultaj gvidantoj, kiuj estas veraj servantoj de ideo kaj ne lasas sin deturni de la plenumo de sia memtrudita devo per eksteraj, eble pli allogaj, sed malpli utilaj taskoj. Pri li oni rajtas diri, ke „nur rekte, kuraĝe, neflankiĝante", li iris la vojon celitan. Li neniam forgesis la precizan celon, por kiu li laboris, kaj je ĝia atingo metode uzis sian inteligenton kaj sian energion. El propra sperto mi konstatis, ke tre maloftaj estas la homoj de lia speco, en kiuj celkonscia pensado kaj agado tiel harmonie kunvivas. Ĉe tro multaj el ili la ekvilibro estas rompita, kaj oni renkontas aŭ pasivajn diskutistojn aŭ senprudentajn agemulojn.

Rousseau naskiĝis en 1876. Li studis pli speciale la matematikan fakon kaj estis liceа profesoro de matematikoj en diversaj francaj urboj, fine en Dijon. Li memlernis nian lingvon en la jaro 1905, kiam en Francujo ekfloris Esperanto. Li tuj estis allogita ne sole de la genieco de la Zamenhofa verko, sed ankaŭ de la internaciema homfratiga karaktero de nia movado, kaj se li tiel entuziasme agis por Esperanto, tio okazis ĉe li, kiel ĉe preskaŭ ĉiuj Esperantistaj pioniroj, ĉar li antaŭ ĉio vidis en ĝi potencan ilon por la plibonigo de la interpopolaj rilatoj. Sed ĝuste tial li opiniis, ke nia lingvo ne devas resti ludilo por senokupuloj aŭ amuzilo por lingvistoj, kia ĝi tro ofte estis, sed ke ĝi estas serioza afero, kiu devas esti enkondukata en la praktikan vivon. Li estis konstatinta, ke la pure predika propagando, kiu tiam regis, ne estas sufiĉa, ke post rapide forpasema entuziasmo multaj personoj fariĝas indiferentaj, ĉar nenio ilin retenis kaj ligis al Esperanto. Li sentis, ke se oni volas atingi pozitivan rezultaton, oni devas jam nuntempe utiligi Esperanton kaj per ĝi starigi internaciajn servojn, dank' al kiuj la novaj varbitoj estos daŭre interesataj je nia movado. Tiuj ideoj estas nun volonte akceptataj, sed en la tiama epoko, la situacio estis alia; vigla penado estis necesa por reagi kontraŭ la pure predikema tendenco, kaj determini la evolucion, kiu fine kondukis al la kreo de UEA. Rousseau energie laboris por direkti la atenton de la Esperantistaro al la internaciaj praktikaj taskoj.

Kun la kara malaperinto mi konatiĝis kelkan tempon post la Ĝeneva Kongreso ĉe ĉarma urbeto proksima de Ĝenevo, kie ni renkontiĝis por ekzameni la tiam tre malcertan staton de tiu ĉi gazeto, kiu, laŭ nia komuna ideo, estis fariĝonta la organo de la Konsuloj, proponitaj de S-ro Carles, kaj de la Esperanto-Oficejoj, iniciatitaj de Rousseau. Firmaj decidoj estis alprenitaj, kaj fiksita estis la programo de *„Esperanto"*, je kiu li regule kunlaboradis, alsendante artikolojn kaj notojn pri praktikaj demandoj; ekster tio, li multe korespondis por konigi kaj klarigi sian vidpunkton, ĉiam ilustrante ĝin per ekzemploj facile kompreneblaj de ĉiu. Sed baldaŭ ni sentis la bezonon de internacia organizaĵo por kunordigi kaj kunligi la ekzistantajn praktikajn instituciojn. Post la Kongreso en Cambridge, grava krizo trafis nian movadon. Al Rousseau tuj evidentiĝis la minaca danĝero. Li komprenis, ke por defendi Esperanton kontraŭ ĉiuj skismaj pereigaj atencoj, estas necese puŝi ĝin pli forte ol antaŭe sur la vojon de la praktikaj aplikaĵoj, internacie grupigi ĝiajn uzantojn kaj starigi servojn en la diversaj fakoj de la internaciaj rilatoj. El niaj tiamaj interparoladoj naskiĝis la ideo pri internacia organizaĵo, kiun post kelkaj monatoj konkretigis UEA. Kune ni redaktis la unuan alvokon, kune ni ellaboris la unuan regularon kaj la unuajn formulojn, kune ni pridiskutis por forigi la komencajn neeviteblajn malfacilaĵojn. Ni tre ofte interkorespondadis. Citindaj estus multaj fragmentoj de liaj tiamaj leteroj, plenaj de utilaj sugestoj kaj interesaj observoj. Ĉar la materia laboro superis miajn fortojn, li malgraŭ sia profesia okupateco bonvolis transpreni parton de la administrado, speciale tion, kio koncernas la financojn. Li volonte plenumis detalajn ofte tute ne allogajn administrajn laborojn, ĉar li bone sciis, ke de ilia regula efektiviĝo dependas la prospero de ĉiu ajn organizaĵo. Dank' al lia kunlaborado, dank' al tiu de du, ho ve! ankaŭ tro frue mortintaj amikoj — Cazeaux kaj Pointer —, UEA povis trapasi la unuajn du jarojn kaj venki la malhelpojn.

De tempo al tempo, por aferaj celoj, mi renkontiĝis kun Rousseau en tia aŭ alia urbeto de la Jurasa regiono. Tiajn renkontiĝojn mi neniam forgesos. Li ĉiam alvenis kun preta plano kaj pripensitaj ideoj; ne vane oni interparolis. Lia vigla kaj alta inteligento kuniĝis kun metoda agemo kaj ĝusta sento pri la eblaĵoj kaj neeblaĵoj. Li malŝatis la senutilajn diskutistojn, la amatorojn, la fantaziulojn, kiuj tro ofte malhelpas ĉian pozitivan laboron kaj deturnas la publikan atenton

al flankaj taskoj. Lia simpatio iris al celkonsciaj agemuloj kaj al seriozaj laborantoj.

De la agado de UEA lia nomo estas neapartigebla. Citi ĉiujn laborojn, kiujn li plenumis, estus detale rakonti la historion de nia Asocio. La rondirantaj kajeroj de ĝia Komitato atestas pri lia aktiva kunlaborado. Al lia klopodado oni ŝuldas la unuan Jarlibron; li iniciatis la interkonsenton pri la kunlaborado de la naciaj societoj kun UEA, la klopodojn por la internacia egalvaloreco de la Esperantaj diplomoj, por la havigo de rabatoj al niaj membroj kaj multajn aliajn. Flanke de tio, li gvidis prosperan grupon en Dijon kaj ankaŭ ofte partoprenis je la laboroj de la aktiva Burgonja Esperantista Federacio. Notindaj estas liaj klopodoj por la apliko de Esperanto al turismo. En tiu fako, pli ol en la komerco jam potence organizata, li vidis tuj prilaboreblan kampon por Esperanto. Dank' al liaj klopodoj aperis en 1904, se mi ne eraras, la unua Esperante redaktita gvidlibro, eldonita kun la monhelpo de regiona turisma oraganizajo. Per privataj leteroj li instigis la eldonadon de gvidfolioj kaj gvidlibroj kaj donis al la Delegitoj la necesajn konsilojn. Post kelkaj jaroj, specialaj instigoj ne plu estis necesaj, kaj la apliko de Esperanto al turismaj celadoj ŝajnas nun tute memkomprenebla, sed kiom da laboro estis bezona por enkonduki tiun simplan ideon en la praktikon, tion scias nur malmultaj. Kun ĝojo, Rousseau sekvadis la progresojn de UEA kaj la plifirmiĝon de ĝia interna organizo. Li povis fordoni la administrajn taskojn, kiujn li estis alpreninta, kaj sin dediĉi al pli ĝenerala agado. Li nome intencis utiligi Esperanton por la rilatoj inter diverslandaj matematikistoj, kaj kelkajn semajnojn antaŭ la Pariza Kongreso li ekpublikigis Matematikan Bultenon, kiu enhavis originalajn laborojn de matematikistaj samideanoj. Li opiniis, ke tio estas la plej bona vojo por praktike interesigi la sciencistojn al nia lingvo.

En ĉiuj Kongresoj de UEA (krom en Krakovo), Rousseau aktive partoprenis; li prezidis la kunsidojn de nia Asocio en Bern. Li ne sole ĉeestis la laborajn kunvenojn, sed ekster ili senlace kaj ame agadis por nia komuna afero per privataj konversacioj, penante veki intereson por la kampo prilaborita de UEA. Lia spirito senĉese direktiĝis al tio, kio povus plibonigi la funkciadon de nia Asocio, pligrandigi ĝian utilecon, varbi al ĝi novajn amikojn, forigi la malkompreniĝojn.

Mi komence diris, ke nia amiko vidis en Esperanto potencan ilon por la plibonigo de la interpopolaj rilatoj. Je la fino de la respondo, je la enketo pri la estonteco de Esperanto, kiun ni aranĝis je la fino de 1913, li aldonis: „... mi plej sincere proklamas, ke, se mi ne estus plene konvinkita, en la fundo de mia animo, per mia jam dekjara partoprenado en la Esperantista movado, ke niaj samideanoj preskaŭ senescepte, ĉiutage kunlaboradas por alporti pli da paco inter la homoj, mi tuj, laŭ la energiaj paroloj de nia majstro en la Ĝeneva Kongreso, elŝirus el mia brusto la verdan stelon".

La tutmonda milito, kiu venis ĝuste en la momento, kiam nia Asocio ekprosperis, estis por li dolora frapo, sed ne tro surprizita li estis, ĉar en la lastaj jaroj, pro la ondego de ŝovinismo, kiu albatis Eŭropon, li antaŭsentis ĝin kiel fatalan konsekvencon de la sistemo, el kiu la homoj ne sciis sin liberigi. De la komenco li estis mobilizita kaj, post kelka tempo, sendita al la batalionio. Sed liaj ideoj ne ŝanĝis. Kontraŭ forta konvinko la kolektivaj pasioj senpotence frapŝaŭmas; ili venkas nur la malfortajn animojn, kiuj tremetas kiel arbofolioj laŭ la ventoblovoj. Tia li restis, kia li estis. El la tranŝeoj li kelkfoje skribis, malmulte pri si, ĉefe pri nia dum- kaj postmilita agado. Ricevinte la unuan reaperintan numeron de „*Esperanto*", li skribis: „Vi ne povas imagi, kiom da plezuro ĝi faris al mi. Meze de la ĉi tieaj priokupoj estas vere dolĉe al la koro, aŭdi parolon de paco kaj konkordo ... Ni restu super ĉiuj disputoj; ni konsciu, ke milito estas kaŭzita de malkomprenoj, maljustaĵoj, ofte ambaŭflankaj, kaj ĉefe, kiel vi diras, ke ĝi estas necesa rezulto de malbona sistemo. Ni kontraŭbatalu ne la homojn, ne la popolojn, sed la sistemon, kiu ilin malbonigis." Li tamen ne lasis sin disbati per la malfeliĉo. Li kredis, ke post la milito ni povos daŭrigi nian agadon sen tro da malfacilaĵoj, ĉar ŝajnis al li neevitebla la reago kontraŭ la ega naciismo, sur kies altaro centmiloj de viktimoj estas oferbuĉitaj. „Estas necese, ke ni eltenu, li skribis en alia letero, tre modeste se bezone, sed elteni ni devas. La malbonaj pasioj ne devas esti pli persistemaj ol la bonaj ... Ĉu mi revenos aŭ ne, mia espero estas, ke vi kun kelkaj fidelaj amikoj daŭros laboradi por nia afero, kiu, mi estas pli kaj pli konvinkita, estas plej utila en la nuna epoko." Kaj, en sia lasta letero, skribita el danĝera batalioko, du tagojn antaŭ lia morto, li aldonis, parolinte pri nia kara prezidanto, kies morto lin tre afliktis: „... Tamen nenio estas perdita. Mi ankaŭ povas malaperi, kaj kelkaj aliaj ankoraŭ, kaj nenio estos perdita ... Necesas, ke nia verko pretervivu. Mi estas tre feliĉa, scii per vi, ke ĝi eltenas kaj eltenos. Tio sufiĉas ..." •

Ho ve! la saman tagon, kiam mi legis tiujn liniojn, mi ricevis de lia edzino la teruran mortkomunikon. Vana fariĝis la espero pri daŭrigo de fruktodona kunlaborado je pli bonaj tagoj.

Sed, kara kunbatalinto, ni neniam forgesos vian noblan kaj energian agadon; el nia memoro ne forviŝiĝos viaj lastaj deziroj. El la mezo de la kanonfuriozo vi montris al ni la vojon sekvotan, kaj malgraŭ la akra doloro, kiun ni sentas pro via malapero el niaj vicoj, ni daŭrigos la komencitan taskon. La verdan standardon ni forte tenos, kaj niajn amatajn mortintojn ni revenĝos, dediĉante nian vivon al la preparado de pli bona homaro. Dormu pace, kara amiko. Ne por vi taŭgas la eldiro de Gœthe: „Senutila vivo estas frua morto ..."

*H. Hodler.*

* * *

S-ro Th. Rousseau mortis la 11 aprilo, ĉe la batalo apud Verdun (arbaro de Avocourt). Lin trafis obuspeco ĉe la ventron. Li ankoraŭ povis marŝi kaj eĉ kuri ĝis la helpposteno, kie li post kelkaj minutoj mortis pro sangperdado. Li postelasas edzinon kaj du knabinetojn; siajn gepatrojn li ankoraŭ havis. Al lia familio ni sendas la esprimon de nia tutkora simpatio.

Ĉar la komuniko pri la morto de S-ro Rousseau atingis nin nur je la 25 aprilo, ni ne povis ricevi fotografaĵon por tiu ĉi N-ro. Ni esperas, ke ni povos ĝin publikigi en la venonta.

# Bileto de blankbarbulo

## *Stoikaj paĝoj*

*al militkaptita filo*

*Malsaĝeco estas, celi neeblajon: nu! neeble estas, ke la malbonuloj ne agu, kiel ili agas.*

*Al iu nenio povas okazi, kion li, laŭnature, ne estas kapabla elteni. La samaj malfeliĉajoj okazas por aliaj, kiuj, ĉu nesciante tion, kio okazis, ĉu fanfaronante grandanimecon, ne konsterniĝas kaj restas firmaj. Strange estus, amiko, ke nesciado aŭ fanfaronado pli efikaj estu, ol saĝeco!*

*Vivi kun la dioj! Tiu ĉi vivas kun ili, kiu ĉiam montras al ili animon kontentan kun sia sorto, kiu faras, kion ordonas la genio de Zeŭso al ni donita kiel estro kaj gvidanto, — eligajo de Zeŭso mem. Kaj tiu genio estas la saĝo kaj la prudento de ĉiu el ni.*

*Kiel povus la nekulturitaj kaj nesciantaj animoj malkvietigi la kulturitan kaj kleran animon? — kio do estas la kulturita kaj klera animo? Tiu ĝi estas, kiu konas la principon kaj celon kaj racion disŝutitan en la universa Estajo, regantan la Tuton per regulaj revolucioj tra l' eterneco.*

*Ĉiam vi povas vivi feliĉan vivon, tial, ke ĉiam vi povas sekvi la rektan vojon, tial ke ĉiam vi povas laŭmetode koncepti kaj agi. Jen du aferoj komunaj al la animo de Dio kaj de l' homo, al tiu de ĉiu racia estajo: ke ĝi povas esti ligata de neniu alia, — ke ĝi metas la bonon en la justaj dispono kaj agemo, kaj en tio ĉi limigas siajn dezirojn.*

*Kiam la perforto de la eksterajoj vin, por tiel diri, konsternigis, reiru rapide en vin mem kaj ne restu for de la takto pli longdaŭre, ol devige estas, tial, ke pli bone vi estriĝos la ritmon, se vi revenas al ĝi senĉese.*

*La pli bona maniero sin venĝi: ne esti simila al ili.*

*El* Marko Aurelio.
*Trad.:* Th. Cart.

## KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikajojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20ª. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

### Aŭstrio-Hungario.

*Olomouc:* P-ro Murath malfermis la trian kurson ĉe la Reala lernejo; ĝis nun 50 studentoj partoprenis tiujn kursojn. Kurso gvidata de Aktoro S-ro Viktor de Janko por aktoroj ĉe la teatro, kun 10 partoprenantoj. Alia kurso por pliperfektigo estas farata de la D. S-ro Kudela. Entute la movado bone prosperas en tiu urbo. — *Villach:* La unuiĝo gvidis kurson kun 20 kursanoj; instruas S-ro F. Homer. Ĉe la ĝenerala kunveno, S-ro J. Koch estis elektita prez.; S-ro Homer vicprez.; S-ro Martischnig, sekretario.

### Britujo.

*Bristol:* Antaŭ granda kaj interesita ĉeestantaro S-ro Dirac faris sukcesan paroladon pri internacia lingvo. — *Isleworth:* Ĉe la duagrada lernejo „Green", Esp. Klubo estis starigita kaj kontentige funkcias. — *London:* La kunvenoj de la Londona Klubo daŭrigas kontentige; ĉiusemajne interesa parolado estas farata. S-ro S. R. Marshall faris sukcesan propagandan paroladon ĉe la „St. John's Literary and Debating Society". — *York:* Okazis la ĝenerala kunveno de la Klubo kaj vesperfesto. La 9ª Brita Esperanta kongreso okazos en York la 10—13 junio. Oni sin enskribu ĉe S-ro W. F. Lawrence, sekretario, 6, Dodgson Terrace, Acomb, York.

### Francujo.

*Alger:* La grupo ĵus reformiĝis kaj rekrutas novajn varbitojn dank' al la agado de la fervora propagandistino, S-ino Tiard. Kvar kursoj estis malfermitaj: unu ĉe la salono de revuo „Les Annales Africaines", unu ĉe S-ino Tiard por komencantoj, unu ĉe la popola universitato por komencantoj, unu ĉe la sidejo de la Teozofia Societo por ĝiaj membroj. — *Beauvais:* S-ro L. Demarcy, prez. de la Esp. Grupo, eldonis francilingvan propagandilon, en kiu li montras la necesecon de nia lingvo post la milito. — *Grenoble:* En la ĉiujara raporto de la grava societo „Syndicat d'Initiative pour le Tourisme en Dauphiné" la prezidanto rimarkigis la mirindan sukceson de la Esperanta gvidlibro. Malgraŭ la milito, centoj da ekzempleroj estis petitaj el eksterlando. Ni rememorigas, ke tiu bela gvidlibro estas senpage sendata post peto poŝtkarte ĉe la supredirita Societo. — *Néoules:* S-ro A. Géraud, advokato, paroladis pri Esp. kaj la milito, la 9 aprilo, sub la aŭspicio de la urbestraro. Monkolekto estis farita. — *Quimper:* Ĉe la civil-internigejo de Ile de Sieck, la nombro de la Esperantistoj nun atingas 35.

### Germanujo.

*Breslau:* Kunsidoj regule okazas malgraŭ la milito. S-ro D-ro Felix Zamenhof ĝojigis la grupon per sia vizitado dum sia kvarsemajna restado. — *Chemnitz:* S-ro D-ro F. Wicke faris sukcesplenan paroladon en laborista rondo. — *Gera:* La 12ª kurso komenciĝis; la grupo ofte entreprenas propagandajn ekskursojn. — *Hamburg:* F-ino Isral gvidas kurson kun 50 junulinoj. — *Leipzig:* La Esp. Societo Leibnitz okazigis sian ĉefkunvenon. Pri 1915 okazis kontentigaj jaro- kaj kaso-raportoj. Kelkaj kursoj estis aranĝitaj kaj bone vizititaj.

### Hispanujo.

*Palma de Mallorca:* En la lasta ĝenerala kunsido okazinta ĉe „Esp. Klubo Palma" oni elektis por la postenoj de Prezidanto, Sekretario, Kasisto kaj Voĉdonantoj, S-rojn B. Planas, N. Bofill, J. Lladó, J. Aguiló, kaj F. Barceló. La Direktanta komitato de la nomita Grupo decidis aljuĝi, kiam finiĝos la nuna kurso, monpremion kaj diplomojn al la grupanoj, kiuj pruvos scii plibone Esperanton.

### Nederlando.

*Arnhem:* S-ro Sevenhuijsen faris propagandan paroladon. — *Harderwijk:* S-ro Bonabo gvidas perfektigan kurson. Fondiĝis unuiĝo sub la titolo „Esperantista Nesto". Por festi tiun unuiĝon, esti aranĝita festeto kun komedio „Boks kaj Koks"; la ludo de la junaj aktoroj multe plezurigis la ĉeestintojn. — *Nijmegen:* Post propaganda parolado de S-ro H. de Winter stariĝis klubo konsistanta komence el 34 membroj. — *Rotterdam:* La kunvenoj de la grupo „Merkurio" estas ĉiam vizitataj de internacia ĉeestantaro. Speciale citinda estas la vizito de S-ro Senff, estrarano de la Hamburga grupo „Verda Stelo". — *Venlo:* S-ro A. F. van Leerdam komencis kurson kun dudeko da lernantoj. — *Vlissingen:* Post finiĝo de la unua Esp. kurso, fondiĝis Esp. klubo „Verda Stelo" kun 15 membroj. — *Zeist:* S-ro F. de Backer komencis kvaran kurson kun 25 lernantoj en la internigejo de Zeist.

### Rusujo.

*Baku:* La ĉi-tieaj Esp-istoj aranĝis vesperfeston por helpi al la rifuĝintoj kaj propagandi nian lingvon. La Esp. societo baldaŭ malfermos kursojn. En la Rondeto de memklerigo, S-ro Vigodskij faris paroladon antaŭ 100 personoj. Fondiĝis Esp. sekcio. — *Ĉernigov:* De februaro 1915 funkcias Esp. rondeto gvidata de S-ro V. A. Otte-

sen. — *Ĥarbin:* Dum solena festeno, proponita al la gastoj de generalo Ĥorvat, ĉefestro de Ĥina-Orienta Fervojo, S-ro Kazi-Girej faris elokventan propagandan paroladon antaŭ D-ro Senkogu, eks-direktoro de Japana Ŝtata Fervoja Administrejo kaj kelkaj membroj de la japana parlamento. — *Moskvo:* La ĉiusabataj kunvenoj de la Esp. Societo estas multnombre vizitataj. — *Petrogrado:* En la plej disvastigata ruslingva medicina gazeto „Russkij Vraĉ" komenciĝis regula ĉiunumera presado de Esp. resumoj de originalaj artikoloj presitaj en la sama gazeto. La propono devenas, kaj la laboro de la resumoj estas plenumata de Komitatanoj de Petrograda Filio de Tutruslanda Esp. Kuracista Asocio. — *Pjatigorsk:* S-ino A. P. Sljusarenko aranĝis kurson por vunditaj soldatoj. — *Rjaĵsk:* S-ro V. F. Ĵavoronkov faris propagandan paroladon en gimnazio de S-ino A. V. Smirnova. Ĉe la vira gimnazio, S-ino E. N. Sineokova malfermis kurson. — *Vladivostok:* Okaze de la vizito de nia japana samideano inĝeniero Takahaŝi, propaganda kunveno estis aranĝita. — *Voronej:* En kunveno de la Esp. societo ĉeestis la fondinto de la fama Esp. muzeo en Saratov S-ro G. Davidov, kiu faris entuziasmigan paroladon. Li estis elektita kiel honora membro de la societo.

**Svedujo.**

*Stockholm:* La 7 aprilo okazis festo de la Esp. Societo „Verda Stelo" kun vigle aplaŭdita parolado en sveda lingvo kaj lumbildoj de S-ro T. Rosengren, kiu kondukis la ĉ. 200 aŭskultantojn tra Saksa Svisujo, Svisujo, Tirolo, k. t. p., montrante ankaŭ kelkajn bildojn de la Berna Kongreso. Inter la ĉeestintoj troviĝis perso, italo kaj rusoj. S-ro Prager, el Moskvo, konata malnova Esperantisto, per vigla parolado montris la utilon de Esp. dum vojaĝo. Sekvis kanto de S-ro O. Anderssen, deklamo de F-ino Ekman kaj gaja balo. La rezultato de la festo estos kurso gvidota de la Del. S-ro J. Johanssen. En Vasteras fondiĝis klubo post parolado de Pastro Wickman.

**Usono.**

*Montpelier* (Vermont): La Interurba Klubo Esp. okazigis sukcesan mezvintran festeneton. — *San Francisco* (Cal.): La S. F. Esp. Rondo kunvenas ĉiuvendrede en la Lick konstruaĵo. Tie oni trovas interesitajn studentojn en la supera kaj komenca kursoj. La supera klaso, sperte gvidata de S-ro Chase progresas kontentige. La ĉeestantaro de la kursoj en la Komerca Altlernejo plimultiĝas. S-ro D. E. Parrish instruas la komencantojn kaj S-ro L. H. Gorham la superan klason.

**Argentino.**

*Buenos-Aires:* La Esp. movado bone progresas nuntempe; ĉe la sidejo de la Casal Català estas komencitaj novaj kursoj, al kiuj aliĝis 40 personoj. La Centro Esp. komencis klarigi kurson per korespondado, al kiu aliĝis pli ol du cent personoj el la tuta respubliko. Ĉe la sidejo de la „Liga de Educación Racionalista" oni klarigas kurson kun la ĉeesto de 30 lernantoj; en tiu sama loko oni starigis Esp. fakon sub la nomo „Liberiga Stelo". Kunvenoj okazas regule ĉiusabate ĉe la kafejo San Juan, 774, Sto. Alsina. Personoj, dezirantaj posedi interkorespondadon kun argentinaj samideanoj, estas petataj, sin turni al Esp. Gr. Casal Català-Sto., 782. San Juan.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Alvoko al niaj membroj.** — Nia Asocio travivas nun la duan militjaron. La Centra Oficejo daŭrigis sin okupi pri helpado al la civilaj militviktimoj kaj transsendo de leteroj; ĝi en tiu rilato plenumis, kompare kun siaj modestaj rimedoj, gravan laboron, kiel atestas la grava cifero de la korespondaĵoj (preskaŭ cent mil dum 1915). Aliparte, ĝi penis konteni la rilatojn inter la diverslandaj Esperantistoj kaj subteni nian movadon dum tiu malfacila periodo. Ĝi eldonis por 1916 la *Oficialan Jarlibron,* kiu enhavas krom utilaj informoj pri UEA kaj aferoj de ĝenerala intereso la plenan liston de la Delegitoj.

Post la milito, UEA devos plenumi gravan laboron por la restarigo de la internacia Esperantista movado. Por ke ĝi povu tiam utile agadi, necese estas, ke ĝi estu nuntempe subtenata de ĉiuj fidelaj Esperantistoj.

Ni esperas, ke tion kompreninte, niaj membroj bonvolos repagi la kotizaĵon por 1916 (2. 50 Frankoj, svisa valoro, por ordinaraj membroj, 5 Frankoj por Subtenantoj). Membrokarta banderolo kaj Jarlibro estos sendataj post ricevo de la kotizaĵo. Mobilizitaj personoj restas membroj sen devigo repagi la kotizaĵon.

**Statistiko de la Delegitoj.** — Jen la laŭlanda statistiko de la Delegitoj, kunmetita el la Oficiala Jarlibro 1916:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | 82 | 130 | Transporto | | 768 |
| Hungario | 48 | | Rumanujo | | 4 |
| Belgujo | | 13 | Rusujo | | 68 |
| Britujo | | 125 | Serbujo | | 4 |
| Bulgarujo | | 13 | Svedujo | | 10 |
| Danujo | | 10 | Svisujo | | 25 |
| Finnlando | | 8 | Turkujo | | 1 |
| Francujo | | 182 | *Eŭropo* | | 880 |
| Germanujo | | 176 | | | |
| Grekujo | | 2 | Eŭropo | | 880 |
| Hispanujo | | 41 | Kanado | 7 | 182 |
| Italujo | | 36 | Usono | 152 | |
| Montenegro | | 1 | Sud-Ameriko | 23 | |
| Nederlando | | 23 | Afriko | | 22 |
| Norvegujo | | 3 | Azio | | 25 |
| Portugalujo | | 5 | Oceanio | | 13 |
| Transporto | | 768 | *Tutmondo* | | 1122 |

**Kotizaĵoj por 1916.** — Je la 31 marto estis enkasigitaj 1521 kotizaĵoj (el kiuj 67 subtenantoj). Krom tio estas 144 dumvivaj membroj. Sume: 1665. — *Esperantiaj Entreprenoj:* 58.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato marto:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 1,135 | 1,156 |

*Tuta sumo:* 2,293. (Antaŭa monato: 2,415.)

**Novaj Delegitoj.**

*Basel* (Svisujo). — VD.: S-ro Paul A. Burgermeister, Kannenfeldstr. 19.
*Bellevue* (Usono, Penn.). — D.: S-ro J. E. Jomes, 56, E. Euclid Ave.
*Berlin* (Germanujo). — D. (dummilita): S-ro Franz Döring, Dernburgstr. 48, Charlottenburg.
*Khabarovsk* (Rusujo, Siberio). — D.: S-ro Nikolaj Eger, Realnoje Uĉiliŝĉe.
*Port Sunlight* (Anglujo, Cheshire). — D.: S-ro A. J. Howard Hulme, Bridge Cottage.
*St. Moritz* (Svisujo, Graubünden). — D.: S-ro O. E. Sachse, arĥitekturisto.

**Adresŝanĝoj.**

*Rosendaal* (Nederlando). — D.: S-ro A. P. Borghout, Kalsdonk k. 28.

Provizore ne plu estas Del. en *Sonora* (Usono, Cal.).

Pro eraro la nomo de S-ro Kalisky aperis kiel VD. en *Londono* en la Jarlibro 1916.

# Alvokoj

## Pri tradukoj

La Redakta Komisiono ĉe Moskva Studenta Grupo Esperantista en Universitato: 1) petas *komuniki* la verkojn kaj sciencajn artikolojn, tradukitajn Esperanten; 2) respondas lingvajn demandojn; 3) redaktas kaj korektas manuskriptojn. Adreso: Moskvo, Lubjanskij pr. 3, kv. 34, por Red. Stud. Kom.

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Öteging,** el Corbach (German.).

**Wrede** (German.), membro N-ro 1866.

* * *

Mortis en *Liria* (Hispanujo), **F-ino Ernestina Serra Jimenez,** fervora propagandistino, membrino N-ro 968.

* * *

Ni sendas la esprimon de nia simpatio al S-ro F. Pillath, nia fervora Del. en Essen, pro la morto de lia patrino, **S-ino Anna Pillath.**

En N-ro 10 de „*Esperanto*“, ni anoncis la morton de *Komandanto Lemaire*, laŭ francaj gazetoj represintaj la informon el belga gazeto aperanta en Nederlando. Ni nun ekscias, ke tiu informo, verŝajne pro nomkonfuzo, estas erara: Komandanto Lemaire ankoraŭ vivas kaj loĝas en Belgujo. Se li iam vidas nian gazeton, li bonvolu pardoni nin pro la malĝusta anonco. Kvankam S-ro Lemaire ne plu estas Esperantisto (ĉu por ĉiam?), ni ĝojas, ke la informo estis erara . . .

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. Pl = *poŝtkartoj ilustritaj*.
PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarko sur bildflanko*.

AARHUS (Danujo). — S-ro Axel Nielsen, Östbanetor 7, II, (kun samideanoj en militkaptitejo, civilkaptitejo kaj batalantoj ĉe la diversaj batalkampoj.

BARCELONA (Hispanujo). — La anoj de la Grupo „La Rondo“, 156, Str. Provenca, dez. koresp. kun ĉiuj landoj.

BUENOS-AIRES (Argentino). — Ĉiu persono, deziranta korespondi kun Argentinaj samideanoj, bonvolu sin turni al „Esperanta Grupo Casal Català“, 782, Str. San Juan, Buenos-Aires.

BUENOS-AIRES (Argentino). — S-ro Luis Dalman, 1232, Str. Venezuelo (kun ĉiuj landoj).

CANTON (Ĥinujo). — S-ro Vemeno, sekretario Locomotive departement Shiu Chow Station, Pl, L.

CANTON (Ĥinujo). — S-ro Laŭ King Yung, studento, Nan Wu College Honan, Pl, L.

CEBU (Filipinaj Insuloj). — S-ro Nicomedes Escribano, Box 140, Pl.

ENSCHEDE (Nederlando). — S-ro G. P. de Bruin, Alleeweg 9 (kun ĉiulandaj anarĥiistoj kaj kontraŭ-militaristoj) L, PK.

GÄVLE (Svedujo). — S-ro Einar Adamsson, Brynäsgatan 38, dez. interŝanĝi Esp. kaj naciajn gazetojn.

HAAG (Nederlando). — S-ro Corn. P. Boers, Jr., Wagenstraat 122, L, Pl, bfl kaj gravurajoj, desegnajoj kaj ilustrajoj.

HARNAS (Svedujo). — S-ro Oskar Magnusson, Pl kaj L (kun ĉiulandaj Esperantistoj).

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Jose Alvarez Garcia, 1020, Str. 18 de Julio, Pl.

MOSKVO (Ruslando). — S-ro V. T. Surasov, Tverskaja Jamskaja 35, kv. 5, Pl, bfl.

PALMA DE MALLORCA (Hispanujo). — La membroj de la Esp. Grupo Palma, 5, Str. Mision, 1°, dez. korespondi kun gesamideanoj el ĉiuj landoj, precipe pri ĥemio.

PUEBLO-SOLIS (Urugvajo). — F-ino Matilde E. Mones, Pl (kun ĉiuj landoj).

RIO DE JANEIRO (Brazilujo). — S-ro Roberto Findlay, 455, Rua 15 do Novembro, Campos, Pl, L.

ŜUŜA (Rusl. Elisavetpol. gub.). — S-ro Mehmandarov, Surĥaj, interŝanĝas vidaĵojn, albumojn poŝtmarkojn, gazetojn k. t. p. Nepre respondos kaj plenumos ĉiujn petojn.

VAXHOLM (Svedujo). — S-ro Värnpliktige Rudolf Persson, Brevbarare Tallkvist (kun Esperantistoj ĉiulandaj).

VORONEJ (Rusujo). — S-ro A. Sidorov, Gruzovaja ul. 7, Pl, L, PM, Esp. gazetoj (kun samideanoj de la tuta mondo).

ZEIST (Nederlando). — S-ro Henri Chantry, belga soldato internigita, tendaro I, Bar. 30, petas poŝtmarkojn por kolekto.

ZUG (Svisujo). — S-ro A. Ueltschi, Restauration Pilatus, L, Pl (kun Ruĝkrucanoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

DANKOJ. — S-ro K. Takahaŝi, Del. Hiroŝima, tutkore dankas al ĉiuj samideanoj de Ĥarbina kaj Vladivostoka Esp. Societoj, kiuj tiel afable kaj gastame akceptis lin.

INFORMO. — Roman Lorek petas ĉiun samideanon, havantan eĉ plej malgrandan eblon, sciigi al sia patro Josef Lorek, Gmina (komunumo) Boleslaw, Powiat Olkusz (Polujo, Kielecka gub.), ke li estas nun en Kiev kiel lernanto de pola gimnazio (4a klaso) kaj fartas tute bone. Respondon oni sendu al V. Danjkowski, 5821, Funduklejevskaja aŭ al C. O. de UEA.

MALAPERO. — La Del. de Pleven (Bulgar.) petas informojn pri sia frato malaperinta en Drenowo-Olawa (Serbio), verŝajne militkaptito en Italujo. Nomo: Zwettan *Petkoff-Simoff,* Vojnik ot. 4, Polk 6 Rota.

SCIIGO KAJ INFORMPETO. — S-ro John P. Nix, sciigas siajn Esp. geamikojn, ke li estas nemobilizebla. Li do, kiel antaŭe, daŭrigas dejori kiel Del. de UEA en Eastbourne. Li petas la nunan adreson de S-ro E. Szikszay, civilkaptito en Francujo.

**EĤO DE LA XIa KONGRESO**

Kontraŭ Sm. 2 ni sendos al vi per rekomendita poŝto, provizo limigita:
1 Kongresinsignon.
20 Poŝtkartojn de San Francisko kaj Kalifornio kun Esp. teksto.
20 Poŝtkartojn de la Ekspozicio kun Esp. teksto.
1—48 paĝan ilustritan gvidlibron de San Francisko kaj ĉirkaŭaĵo.

*La Kalifornia Esperantista Rondaro, San Francisko*
946, Central Ave.

Konto ĉe la Ĉekbanko Esperantista.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO